n-ro 35
1999-1
aŭgusto 1999

# Esperanto en Azio

Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado



**eldonas:** KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado), prezidanto: Puramo CHONG
adreso de KAEM: Japana Esperanto-Instituto, JP-162-0042 Tôkyô-to, Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3, Japanio / tel.: +81-3-3203-4581, fakso: +81-3-3203-4582

**redaktas** DOI Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236-0017 Japanio / tel. kaj fakso: +81-45-785-5458 / PFH02512@nifty.ne.jp

***e n h a v o***

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso*

*A-2: interŝanĝadi kaj sendi informojn*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj Esperanto-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj Esperanto-organizoj*

*Komisionanoj de KAEM konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili plenumos la taskon ĝis julio 2001.*


Prezidanto/ respondecas pri Projekto A: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012, Koreio. tel.: +82-2-682-3456. fakso: +82-2-616-1571. retpoŝto:puramo@chollian.net

Vicprezidanto/ respondecas pri Projekto B: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569-0046 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773. retpoŝto: takeuti@nov.email.ne.jp

PAK Wha-jong/ Korea Esperanto-Asocio, Kang Byeon Han Shin Core B/D No 1601 Mapo-Dong 350, Mapo-ku, SEOUL, Koreio. tel.: +82-2-717-6974. fakso: +82-2-717-6975. retpoŝto: bagurso@unitel.co.kr

SYÔZI Keiko/ respondecas pri Projekto C/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116-0013 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso: +81-3-3824-1040. retpoŝto: syozik@qa2.so-net.ne.jp

WANG Jianbing/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808. retpoŝto: cel@china-report.com

YU Tao/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808. retpoŝto: epc@china-report.com

# 1. Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA

Jenaj esperantistoj estis akceptitaj kiel novaj membroj de UEA por 1999 kadre de la Projekto C. (Totale 63: 49 el Ĉinio, 6 el Irano, 1 el Mongolio, 1 el Rusio, 6 el Vjetnamio. Novaj anoj: 25/ 42%. Inoj: 9/ 15%)

*el Ĉinio*

LI Liang, WANG Jing Rong, ZHAO Guiyong

# 2. Okazis

## 2.1 "Tago de Pioniroj" en Koreio

tempo: 1999-05-15

loko: Seulo

Okazis "Tago de Pioniroj", la unua tia, apud la oficejo de Korea Esperanto-Asocio, ĉi-foje memore al DAN Tirinaro (koree: ĜONG Sasop, 1910~1944). Partoprenis pli ol 100 esperantistoj kaj familianoj de Esperanto-poeto DAN Tirinaro, kies poemoj recitiĝis dum la evento.

La evento ankaŭ vidis eldonon de la poemaro titolita "Birdoj sen Flugiloj", partoj (52 el 105 poemoj) de "La Liberpoeto", lia originala verko eldonita en Parizo en 1938. La du-lingva libro estis tradukita de KIM Uson kaj KIM Yocho.

Prezidanto de KEA, LEE Chong-yeong, kies iniciateco inaŭguris la Tagon de Pioniroj en Koreio kaj kiu elektis DAN Tirinaron kiel unuan pioniron memorendan ĉi-jare, prioraciis lin, dum So Gilsu detale priparolis pri la poeto kaj pri lia verko.

Poeto Ĝong naskiĝis en la urbo Iksan en Ĝollabuk-do, Koreio, la unuan de septembro, 1910. Kiel diplomito pri juro, li plu studis francan literaturon en Parizo. Liaj verkaĵoj estas poemoj de liberpoeto kaj idealisto, kaj forte kritikis maljustan realon.

Li vivis preskaŭ la tutan periodon de la japana impreriisma koloniado. En la malfacila situacio li estis unu el la kleruloj, kiuj malobeis la japanan imperiismon. Li protestis kontraŭ imperiismo, kapitalismo kaj mamonismo.

Verkante pri animaloj malliberaj en kaĝoj, li kriis pri la liberrajtoj de animaloj kaj ankaŭ de malfortaj nacioj kaj satire mokis la perfidon de homoj en siaj poemoj.

La originala poemaro "La liberpoeto" konsistas el 105 poemoj en 14 ĉapitroj. Tradukistino KIM Uson elektis 52 poemojn el ili kaj kun la originaloj eldonis ankaŭ la korealingvan version

Chonsae LEE/ vicprezidanto de Korea Esperanto-Asocio/ Kang Byeon Han Shin Core B/D No 1601, Mapo-Dong 350, Mapo-ku, Seoul, Koreio

## 2.2 La 18a Komuna Seminario inter Koreaj, Ĉinaj kaj Japanaj

*Junuloj*

tempo: 1999-07-29~08-01

loko: Junulara Domo de Wanihama ĉe la lago Biwa en Japanio

temo: "Interfluo de nuntempaj kulturoj inter 3 landoj"

aliĝintoj: 38 inkluzive de moralaj partoprenantoj (6 el Koreio, 1 el Ĉinio/Honkongo kaj aliaj estas el Japanio)

Detalan raporton vi legos en la venonta numero.

# 3. Raportoj

## 3.1 el Pakistano

### 3.1.1 22-jara Kongreso de Pakistana Esperanto-Asocio

La 12an kaj 13an de decembro 1998, ĝi okazis en Lahore. Multaj geesperantistoj el diversaj partoj de la lando partoprenis. Partoprenantoj prezentis raporton pri Esperanto-movado en siaj regionoj kun novaj planoj en la nova jaro. Oni elektis novan estraron por 1999-2000:

Ĉefgvidanto: s-ro Muztar ABBASI, prezidanto: prof. Muhammad Siddeeq CHEEMA, vicprezidantoj: s-ro Tariq Umer CH., s-ro Shabir Ahmad SIAL, s-ro Muhammad Ali KHIZAR, s-ro Feroz Shah Asar GILANI, ĝenerala sekretario: s-ro Altaf GOHAR, subsekretario: s-ro Ch. Muhammad ALI, Informa sekretario: s-ro Abdul MUNIR, Financa sekretario: s-ro Hafeez Javed CHEEMA, Redaktoro: s-ro Tariq Mehmood KHOKHAR, sekretario por eksterlandaj aferoj: s-ro Jamil AKHTAR.

Ĉefaj decidoj:

1. Laŭ la projekto de UEA pri Esperanto-lernejo prof. Siddeeq CHEEMA en Rawalpindi kaj s-ro Rahim SHAH en Lahore laboros.

2. Oni petis de UEA por senpage membrigi esperantistojn el Pakistano, kiuj estos selektitaj de PakEsA, ĉar sendi monon el nia lando estas malfacile. (*red. utiligu la Projekton C de KAEM, ĉar ĝuste por tio la projekto ekzistas!*)

3. Lahore Esperanto-Grupo devas kontaktiĝi kun skoltaj grupoj por enkonduki la lingvon. PIEGO(?) helpos LEGO(?) kontaktante centran oficejon de skolto en Islamabado. LEGO estis devigota por informi pri la vojaĝkostoj al personoj kiuj deziras partopreni en la 2a Azia Kongreso de Esperanto. (*red. Kio estas PIEGO kaj LEGO?*)

ktp...

*(el "Facila Esperanto" Feb. 1999)*

### 3.1.2 Nova kurso en Jhelum

Post longa malaktiveco, denove esperantistoj de Jhelum Espernato-Klubo reaktivas kaj per helpo de malnovaj esperantistoj, estraro de la klubo aranĝis novan kurson. 10 personoj partoprenis. S-ro Jamil AKHTAR gvidas la kurson.

(red. Kiam okazis la kurso?)

(el "Facila Esperanto")

### 3.1.3 Multana Esperanto-Rondo havis novan estraron.

La 2an de aprilo 1999, por du jaroj elektiĝis la nova estraro de Multana Esperanto-Rondo: prezidanto: s-ro Muhammad Akram RONGHA, vicprezidanto: s-roAbdul Quddoos SHAFQAT, ĝenerala sekretario: s-ro Jawaid EAHSAN, kasisto: s-ro Zubair Ahmad QASMI, informa sekretario: s-ro Ashfaq Ahmad BHUTTA, zorganto: s-ro Amir Bashir BHATTI.

Oni decidis eldoni monatan bultenon "MERa Bulteno", kiu poste ŝanĝiĝis al "MER Informas". Kaj Muhammad Naeem JAVAID fariĝis ĝia redaktoro.

La celo de la bulteno estas komuniki Esperante pri Esperanto-movado aŭ aliaj neesperantaj informoj al neesperantistoj kaj esperantistoj.

(el "MER Informas" Majo 1999)

*Multana Esperanto-Rondo: P.O.Kesto 26, PK-60000, Multan, Pakistano*

## 3.2 el Barato (Hinda Unio)

### 3.2.1 Bangalora Esperanto-Centro kondukis unuafoje rektan metodon kaj sukcesis

De la 11a ĝis la 20a de decembro, ĉiuvespere 6:30~8:00, Bangalora Esperanto-Centro havis mallongan Esperanto-kurson, en kiu partoprenis 30 homoj.

Kursanoj estis inter 20~30-jaraĝaj, ĉefe studentoj de inĝeniera fako. D-ro S.P. TEKUN, f-ino ANUPAMA kaj s-ro S.S. PRADHAN preparis por tio dum pli ol unu monato, ĉar por la kurso ni adaptis rektan metodon. Ĝis nun ni uzis la anglan lingvon por instruado.

Por fari instruadon pli efika kaj interesa, estis du instruistoj ĉiam sur la podio. Feliĉe, ni bone sukcesis en instruado de Esperanto per rekta metodo.

Ni instruis gravajn gramatikajn punktojn, regulojn, leter-skribadon kaj eseon. Kursanoj mem diris rakonton de Adamson, rigardante la afiŝon, kiu havis bild-rakonton sen iuj vortoj.

La lasta tago estis same kiel festa tago. Ĉiuj vestis sin en siaj plej bonaj vestoj. En la programo gekursanoj paroladis. Jen estas unu el la paroladoj:

"Hodiaŭ mi finis la dektagan kurson de Esperanto. En la komenco ni estis skeptikaj pri la lernado de nova lingvo en tiom mallonga tempo. Sed ni iom post iom, stumblante sukcesis. Kiam ni komencis la kurson, ni ne konis kio estas Esperanto, kaj kion ĝi reprezentas, kaj hodiaŭ ni estas parto de internacia frateco. Ĉi tiu granda ŝanĝo povas okazi pro Esperanto..."

La ĉef-gasto, s-ro K. RAMASWANY, donis atestilojn al gekursanoj kaj gratulis ilin.

(el raporto de S.S PRADHAN kaj S. P. TEKUR. adreso de Pradhan: 97, 3rd Block East, Jayanagar, Bangalore-11, Hinda Unio)

### 3.2.2 Seminario pri "Esperanto, la lingvo de la 21a jarcento"

Ĝin organizis Kalkata Filio de Federacio Esperanto de Bharato en Akademia Halo de NRS Medical College & Hospital en Kalkato en la 23a de majo 1999. La seminario havis 4 sesiojn, nome inaŭguran, akademian, laborkampan kaj kulturan.

S-ro S.S. PAL, la sekretario de FEB-Kalkato en sia baza prelego tre bone klarigis la taŭgecon de Esperanto kiel la mondlingvo en la venonta jarcento. S-ro Swedesh CHAKRAVARTI, la unbestro de Howrah Minicipal Corporation, la longdaŭra simpatianto de nia movado ĉeestis en la seminario kiel ĉefa gasto. La seminarion prezidis la eksministro de la Centra Ministrejo kaj fama edukisto d-ro Pratap Chandra CHANDRA. Li tre favore parolis pri Esperanto kaj eĉ prenis de ni lernolibrojn por studi.

S-ro J.N. SHARRMA, la ĝenerala sekretario de FEB ĉeestis en la seminario. D-ro Sudhir BERA, la prezidanto de FEB-Kalkato, kaj d-ro A.R. GHOSALL, la vicprezidanto de FEB-Kalkato bonvenigis kaj dankis ĉiujn partoprenantojn. S-ro A.K. NANDI prezentis la tutan programon. En la akademia sesio prelegis s-ino Sibani SINHA kaj s-ro S.K. PAUL. Post la akademia sesio komenciĝis laborkampo en kiu partoprenis 40 gestudentoj el diversaj altlernejoj. Dek plej sukcesaj studentoj ricevis premiojn kaj atestilojn. La kultura sesio estis tre alloga. Fama kantistino s-ino Aditi SENGUPTO kantis Tagorajn kantojn tradukitajn Esperanten. Grupo reĝisorita de s-ro Sambhu Nath PAL prezentis dancojn kun kantoj. La anoj de FEB-Kalkato prezentis drameton "Parencara Familio", esperantigitan de S.S. PAL el Tagoro. La ĉefrolanto estis s-ro Ajoy Kumar NANDI. Por sukcesigi la seminarion multe laboris s-roj Sankar SHAHA, Sanjib SINHA, Sarbojit BASU kaj s-ino Nilima DHAR.

### *3.2.3 protesto kontraŭ la raporto en n-ro 33, p. 12~14, fare de Federacio Esperanto de Bharato-Kalkato.*

*La redaktantoj de "EeA" ricevis de s-ro S. S. PAL proteston kontraŭ la raporto verkita de s-ro P. V. RANGANAYAKULU, kaj ĝustigon de la enhavo. En la letero subskribas 6 aktivuloj. Ni ne aperigas la enhavon ĉi tie. Bonvolu pli bone diskuti enlande kaj poste kun konsento de ĉiuj ĉeestantoj sendu al ni ĝustan raporton.*

## *3.3 el Ĉinio*

### *3.3.1 Esperantaj libroj en bibliotekoj kaj librejoj en Ĉinio*

Pro laboro mi ofte vizitas bibliotekon kaj librejon. Lastjare mi faris enketon pri Esperantaj libroj en kelkaj bibliotekoj kaj librejoj. La rezulto estas malesperiga kaj bedaŭrinda, sed tio probable donus al ni ian sugeston.

En Beijing-a Biblioteko: Ĝi estas la plej granda biblioteko en Ĉinio, kaj unu el la plej grandaj bibliotekoj en la mondo. Pri libroj: En ĝi oni trovis nur 49 konservitajn Esperantajn librojn, kaj plejparto de ili estis publikaĵoj en 70~80aj jaroj. Novaj estas tre malmultaj, kaj estis neniu libro eldonita alilande. Pri gazetoj: Antaŭe mi povis legi

Esperantajn gazetojn eldonitajn en Ĉinio, ekz., "El Popola Ĉinio", "La Mondo", "Tutmondaj Scienco kaj Tekniko". Tamen en 1998 mi trovis nur la revuon "Tutmondaj Scienco kaj Tekniko", sed bedaŭrinde ĝia eldono ĉesis devigite ekde 1999 pro financa problemo. Tial ekde la nuna jaro en la plej granda biblioteko oni ne povas legi Esperantan revuon. Pri alilandaj gazetoj, troviĝas nur du. "Esperantista" (eldonita en Praha en 1947) kaj "Esperanto-servo" (eldonita en Ĉeĥoslovakio en 1948).

En Beijing-a Libro-Centro: Ĝi ekfunkciis en majo 1998, kaj nun ĝi estas la plej granda librejo. Tiam mi ĝin vizitis, sed mi ne vidis ajnan Esperantan legaĵon. Decembre, kiam mi refoje vizitis, mi ankoraŭ ne trovis. Mi ne povis ne demandi servistinon, ĉu troviĝas Esperanta libro. Post serĉo en komputilo ŝi respondis ke ne.

En Shanghai-a Biblioteko kaj Nanjing-a Biblioteko: Ili estas la due plej granda kaj la trie plej granda bibliotekoj en Ĉinio. Sed Esperantaj legaĵoj estas nekredeble malmultaj.

En Liaoning-provinca Biblioteko: Estas neniom da Esperantaj publikaĵoj, ĉar kelkaj servistoj aŭ laborantoj ne sciis, kio estas Esperanto.

Post la enketo mi pensis longe kaj tre multe. Oni ĉiam pripensas, kiel bone propagandi Esperanton, sed ignoras funkcion de bibliotekoj kaj librejoj. Mi persone opinias, ke riĉigi materialon de Esperanto en biblioteko kaj librejo estas urĝa laboro por Ĉinio. Mi ne scias, ĉu ekzistas sama stato en aliaj landoj. Se jes, mi kore esperas, ke oni devas sendi senpagajn Esperantajn legaĵojn en-kaj ekster-landajn al bibliotekoj kaj librejoj. Internaciaj Esperantaj organizoj ankaŭ devas sendi siajn eldonaĵojn al ili, se la kondiĉoj permesus.

*WU Guojiang, ĝenerala sekretario de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio/ Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008 Fushun, Liaoning, Ĉinio, tel. kaj fakso: +86-413-7100871*

### *3.3.2 Esperanto-studgrupo en Ŝanhajo*

Ĝi konsistas el pli ol 10 personoj. En ĉiu dua semajno ili kunvenas kaj studas. La grandioza idealo de d-ro Zamenhof kuraĝigas ilin. Spite de malfacilaĵoj ili daŭrigas la aktivadon proksimume sep jarojn. Multaj esperantistoj enlandaj kaj eksterlandaj vizitis la grupon. Ankaŭ la grupanoj renkontiĝis kun alilandaj esperantistoj en gastejo. Aŭstraliaj esperantistoj, ges-roj Johano kaj Haidie MACLEOD ĉiam ĉeestis en la grupa kunsido, kiam ili laboris en Shanghai. En la 12a de decembro 1998, la grupo kunvenis por celebri la 139-an naskiĝtagon de d-ro Zamenhof. La ĉeestantoj plezure babilis pri sia lernado de Esperanto kaj pri la brila travivaĵo kaj la kontribuo al la homaro de Zamenhof.

*LU Wenfang/ Siping Lu 52-78, CN-200080 Shanghai, Ĉinio*

### *3.3.3 Esperanto-movado en Chengdu, en la provinco Sichuan*

Ekde la komenco de la 80aj jaroj restariĝis Chengdu-a Esperanto-Asocio. Tiam oni levis la altan tajdon pri Esperanto-lernado en nia urbo. Mi refoje studis Esperanton sub la

instigo de k-ro Jen ĈIFEN, kiu mortis en 1989. Mi bedaŭris tion, ĉar mi preskaŭ forgesis la lingvon dum la Kultura Revolucio.

Komence pro manko de lerno-loko ni ofte ŝanĝis ejon, kaj poste la asocio akiris iom da subvencio (1980~1986) de la magistrato. Sekve de tio la asocio havis kapablon por funkciigi Esperanto-kurson per la subvencio dum ses jaroj. Mi kaj s-ano Sabeo FU kunlaboris por la movado.

Antaŭ kelkaj jaroj en Chengdu la Esperanto-kurso jam ĉesis pro manko de mono kaj loko, sed nia movado ankoraŭ daŭras en memlerna grupo en te-trinkejo ĉiusabate. Ĝis nun ni, WU Dengxiang, Sabeo FU, CHENG Wankuan, ZHANG Ping, LI Dugong, ZHAO Xiaojun... kaj mi persistas en tiu agado.

*CAI Shouzhi/ Qingyangqu Wuzijn Yihuanlu Beiyiduan, CN-610031 Chengdu, Sichuan, Ĉinio*

### *3.3.4 Tri ĉinaj lernantoj akiris titolon de Monda Steleto*

En 1998-08-16, s-ro JIANG Li Jin (akademiano de Ĉina Akademio de Sciencoj) kaj s-ro XU Guozhi (akademiano de Ĉina Inĝeniera Akademio) donis al tri ĉinaj infanaj esperantistoj atestilojn de Monda Steleto, senditajn el Santiago de Usono.

11-jaraj SONG Pu, LI Jing kaj WU Yu longtempe persistas en lernado de Esperanto dum postlecionaj horoj, atingis difinitajn postulojn, kaj elstaris el la 31 lernantoj de la klaso. Ili akiris atestilon subskribitan de Charlotte KOHRS, prezidanto de Usona Esperanto-Asocio "Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo".

En improvizaj paroloj, la tri lernantoj esprimis sian ekscitiĝon. Kvankam ili estas komencantoj, tamen helpate de instruisto, ili jam korespondis en Esperanto kun amiketoj de 24 landoj, kaj el tio lernis multe da scioj.

La du kuraĝigis la infanojn. En la ceremonio ĉeestis kunlernantoj, gepatroj kaj instruistoj de la tri steletoj kaj ankaŭ sciencistoj kiuj zorgas pri ilia kresko.

*raportis SHEN Chengru/ 935-203 Bao Fu Si, CN-100086 Beijing, Ĉinio; tel.: +86-10-62561724; fakso: +86-10-68512458*

### *3.3.5 Ago-tago en Pekino*

Matene, 1999-02-09, en la parko de la orient-suda kvartalo de Zhonguancun en Pekino kunvenis tri mond-steletoj kun la instruisto kaj kursanoj por okazigi Ago-tagon por infanoj laŭ la iniciato de "Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo", Usono.

Unue, la partoprenantoj kantis ĥore, "Sur la tero, bela tero, loĝas ni, kantas ni, kune sur la tero, monda familio, famili', famili'."

Due, tiuj ĉi tri mond-steletoj legis unu post la alia respondleterojn al usona esperantista avino Darlene Evass, kiu sendis al ili gratulleteron kaj donacon: butonoj kun verda stelo surface. Ili unuvoĉe esprimis ke ili absolute ne povas vanigi la profundan amon de la usona avino. Laŭvice la tri parolis sian volon lerni plu Esperanton.

Samtempe okazis ekspozicio pri la fruktoj de Esperanto-korespondado inter ĉinaj kaj eksterlandaj infanoj. Multaj plenkreskuloj kaj infanoj en la parko vizitis ĝin kun intereso pri Esperanto.

*raportis SHEN Chengru*

## 3.4 el Irano

### 3.4.1 Zamenhof-Festo en Irano

La 15an de decembro 1998 en Tehrano oni festis la naskiĝtagon de Zamenhof. Ĝi okazis en hejmo de esperantistino. Sur la muro oni metis portreton de Zamenhof kun verdaj floroj el paperoj, kaj angule oni metis Esperantajn eldonaĵojn.

Prezidis la feston s-ino Fatemeh MINU-KADEH; prelegis prof. M.H. SAHEB-ZAMANI pri pozitiva situacio de Esperanto enlanda kaj eksterlanda el diferencaj vidpunktoj. Poste li prezentis s-ron Akbar FEKRI, juna ĵurnalisto, kiu ellernis Esperanton en mallonga tempo, kaj kiu propagandis Esperanton per iranaj gazetoj. S-ro Behruz ATAL, kiu eldonis abundajn Esperanto-verkojn antaŭ pli ol 20 jaroj, esprimis fortan deziron ebligi multajn homojn enmanigi lernolibron por memlerni Esperanton. S-ro Farzin DAVARI, juna studento, kiu okupiĝas pri komputoro, informis pri larĝega temaro de Esperanto sur interreto.

*raportis Mojtaba KHEIR-KHAH/37, K. 135, 10 Metry Dowom, Javadien, 13657 Tehran, Irano*

## 3.5 el Tajvano

Tajvana Esperanto-Asocio estis fondita en 1990, dank' al la helpo de s-ro Joachim WERDIN, sed pro la adresŝanĝo de la asocio ĝi perdis kontakton kun UEA. Tamen feliĉe helpe de s-ro ONISHI Shin'ichi, japano, kiu vojaĝis en la lasta aŭtuno en Tajvano, kaj de s-ro WU Changsheng el Ĉinio, oni povis rehavi kontakton. Oni decidis revigligi la asocion, komencas eldoni trimonatan bultenon kaj planas kunvenon en norda Tajvano.

*Tajvana Esperanto-Asocio/ ĉe LIN Wenrong, Jingping Lu 989-4-18-2, TW-235-49 Zhonghe, Taibei, Tajvano; tel. +886-2-8281-6399; Retpoŝto: <fulcours@ms24.hinet.net>*

# 4. Okazos

## 4.1 La 4a Ĉina Kongreso de Esperanto

loko: en Pingxiang, Guangxi-provinco,

tempo:1999-08-17~21 (tuj antaŭ la 2a Azia Kongreso)

La kongresurbo situas ĉe la landlimo al Vjetnamio. De tie al Hanoi estas 4-hora aŭtoveturado. Do alilandaj esperantistoj povus unue traviziti Ĉinion kaj iom partopreni la

Ĉinan Kongreson antaŭ la Azia Kongreso.

La temo: "Ŝanco kaj defio al ĉina E-moavdo en la 21-a jarcento". Dum la kongreso estos diskuto pri la ĉeftemo, libro-tago, oratora konkurso (mia unutaga vivo), fakkunsido pri Esperanta instruado, komerco, turismo, junularo ktp.

Plian informon petu de:

*Ĉina Esperanto-Ligo/ P.O.Kesto 825, Beijing, CN-100037, Ĉinio; tel.:86+10+68326682; fakso:86+10+68321808; Retpoŝto:<cel@china-report.com>*

## 4.2 La 31a Korea Kongreso de Esperanto

tempo: 1999-10-9~10

loko: Seulo

detalojn petu de:

*Korea Esperanto-Asocio/ Kang Byeon Han Shin Core B/D No 1601 Mapo-Dong 350, Mapo-ku, Seoui, Korea Respubliko. tel.: +82-2-717-6974. fakso: +82-2-717-6975. retpoŝto:<keast@soback.kornet.nm.kr>*

## 4.3 La 86a Japana Esperanto-Kongreso

tempo: 1999-10-15~17

loko: urbeto Motizuki (Moĉizuki) en la gubernio Nagano

detalojn petu de:

*Japana Esperanto-Instituto, JP 162-0042 Tôkyô-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3, Japanio. tel.: +81-3-3203-4581. fakso:+81-3-3203-4582. retpoŝto: jei@mre.biglobe.ne.jp*

## 4.4 La 3a Internacia Himalaja Renkontiĝo 2000

tempo: 2000-02-26~03-07

salutas la organizantoj: Kun granda ĝojo ni anoncas, ke la Nepala Esperanto-Asocio planas organizi la 3an Internacian Himalajan Renkontiĝon 2000 , post sukceso de la 1a kaj 2a Renkontiĝoj, kiuj okazis en la jaroj 1995 kaj 1998.

Per ĉi tiu renkontiĝo, ni celas venigi esperantistojn de diversaj landoj sub la ombron de la Himalajo. Ĝuante la belecon de la naturo, ni povos diskuti pri la Esperanta movado kaj samtempe havi bonan tempon. Sendube, ĝi donos al vi ŝancon ekkoni la himalajan popolon kaj specife nepalajn esperantistojn, kiuj ankoraŭ ne havas sufiĉan kontakton kun eksterlanda movado. Ni esperas, ke via partopreno donos al ili konkretan bildon de la vasta familio loĝanta en diversaj anguloj de la terglobo.

La programo estos taŭga al ĉiu aĝo kaj ambaŭ seksoj, kaj plena de amikeca servo fare de lokaj esperantistoj.

Ni deziras vian partoprenon kaj vian kuraĝigantan helpon por kiel eble plej multe da

partoprenantoj de via loko, klubo aŭ asocio. Ĉiu demando pri la renkontiĝo ankaŭ estas bonvena.

L.P. AGNIHOTRI (prezidanto de Nepala Esperanto-Asocio), Narendra BHATTARAI (vicprezidanto), Poŝ Raĝ SUVEDI (kasisto)

Nepala Esperanto-Asocio/ P.O. Box 10518, Kathmandu, Nepalo; retpoŝto de s-ro L.P. AGNIHOTRI: <sosierra@wink.com.np>

### 4.5 La 85a Universala Kongreso de Esperanto

tempo: 2000-07-11~18

loko: Tel-Avivo en Israelo (la UK estas la 4a en Azio)

## 5. Informoj

### 5.1 el Vjetnamio

Aliĝintoj al la 2a Azia Kongreso de Esperanto atingis ĝis 375 en la fino de julio. La nombro inkluzivas ankaŭ moralajn partoprenantojn kaj ĉ. 100 vjetnamajn esperantistojn. Krome ne-esperantistoj vjetnamaj partoprenos kiel observantoj.

### 5.2 el Ĉinio

***9 ĉinaj esperantistoj marŝas al Roterdamo!***

Ili ekiris en la 26a de decembro 1998 kaj laŭplane atingos Roterdamon en aŭgusto 2000. Por la vojaĝo ili preparis sin dum du jaroj. De la ĉina urbo Guangzhou, tra Kazaĥio, Rusio, Belorusio, Litovio, Pollando, Germanio ĝis Roterdamo en Nederlando ili marŝos 11000 km dum 580 tagoj. Iliaj nomoj estas s-roj WEI Guangliang (gvidanto), ZHENG Xuejun (ĉefo), YU Guoqiang (vicĉefo), FU Yongjun, YOU Guisheng, XU Kuanfang, FAN Jiande, HU Yong kaj ZHENG Hailing. Laŭ posta informo survoje aliĝis s-ino SUN Ynag, kaj komence de aprilo 1999 ili estis en Xi'an. Ĉu ili nun estas jam en Kazaĥio, aŭ ankoraŭ en Ĉinio?

*(el la organo "Agadu" /P.O. Kesto 039. Guangzhou, CN-510245, Ĉinio)*

## 6. Opinio

### el Ĉinio

a. Progresintaj landoj laŭhistorifakte akcelis kaj daŭre akcelas la Esperanto-aferon kiel ĉefaj kolonoj, per kiuj oni antaŭenpuŝos la Esperanto-movadon en Azio. Seriozaj aktivuloj devas konscie kaj klopodeme lerni de la laborspertoj en la progresintaj landoj.

b. La gvidantoj devas sukcese findecidi laŭ la praktiko sed ne famo aŭ individuaj profitoj de la elektataj homoj.

c. Esperanto-komunumo konsistas ne el homoj, sed el aktivuloj kun nobla idealo por

mondpaco kaj naciamikeco.

ĉ. Se oni decidos fini la malnovan projekton, do oni devas plej ideale starigi novan projekton Ĉ.

*WANG Peiyan/ 5 etaĝdomo, okcidenta str. 86 Distrikto de Nova Urbo, CN-010010 Huhehoto, Ĉinio*

# 7. Historio

## 7.1 Vjetnamio

Venis agrabla surprizo, kiam mi trovis en mia biblioteko legolibreton titolitan LMR (La Monda Rakonto), kiu konsistas el unu letero kaj 50 rakontoj el kvin kontinentoj. El tiuj estas en la paĝo 21~22, vjetnama rakonto tradukita de TRINH Dinh Kinh.

Estas tre interese kaj utile, ke la kompilinto, eldoninto Theodor KILIAN (ĉeĥo) rimarkis, ke tiu tradukaĵo estis sendita en 1932 el Hanojo. Tio montras, ke en 1932, la Esperanto-movado en Vjetnamio estis tre vigla, kaj ke ĝi tamen lasis al ni tre rarajn sed bonajn pruvaĵojn de la Esperanto-pioniroj en Vjetnamio. Jen estas la tri pruvaĵoj en Esperanto en 1932:

1. La versaj tradukaĵoj en la vjetnaman el du poemoj de Zamenhof: "La Vojo" kaj "La Espero" fare de la poeto Ho Xanh- NGUYÊN Thuong Cat
2. La lernolibro de Esperanto, de s-ano HUYNH Ba Duong (konservita en UEA)
3. La rakonto "Koro el diamanto" tradukita de TRINH Dinh Kinh, publikigita en "La Monda Rakonto" kompilita de Theodor KILIAN, eldonita en Trebiĉ en 1969.

Do. ĝuste antaŭ 30 jaroj, s-ano Theodor KILIAN dediĉis tiun libreton al la esperantistoj tra la tuta mondo.

Okaze de la 2a Azia Kongreso en Hanojo, kongresanoj vizitu mian bibliotekon, kie vi vidos propraokule milon da tutmondaj Esperantaĵoj, inkluzive centon da Eperantaĵoj eldonitaj en Vjetnamio.

*DÁNG Diñh Dam/ 3 Cao Dat Hanôi, Vjetnamio. tel.: 834291*

## 7.2 Barato (Hinda Unio)

***el la parolado de s-ro Ŝjamal Kumar Paŭl en la 7a Nacia Kongreso***

En 1907 Rev. James EMLIN, la kristana misiito, fondis Esperantan klubon en la ŝtato Keralao, kune kun sia studento s-ro J. T. JESUDAS, kiu tre bone lernis Esperanton. Poste s-ro Jesudas pene daŭrigis la movadon sed li ne sukcesis fari tion, kaj la movado pereis.

En 1928 s-ro Lakmishar SINHA, instruisto ĉe la universitato Ŝantiniketan, Bengalo, vojaĝis al Stokholmo, Svedujo pro la ordono de Rabindranath TAGOR, kaj tie s-ro Sinha lernis Esperanton. Lia instruisto estis fama sveda esperantisto, s-ro Andreo ĈE. Reveninte al Ŝatiniketan, s-ro Sinha sukcese fondis Esperantan klubon, kie li ekinstruis la lingvon,

kaj ektradukis rakontojn kaj aliajn verkaĵojn de Rabindranath TAGOR en Esperanton. La rektaj studentoj de s-ro Sinha estas la famaj esperantistoj, d-ro Probal DASGUPTO kaj s-ro Abani Husan HALDAR.

En 1937 s-ro Henri JOSHEP refoje fondis Esperantan klubon en Keralao kaj efektive kelkaj junuloj komencis lerni Esperanton tie. Tamen la movado daŭris nur mallongtempe.

Post la Dua Mondmilito, s-ro Budano Swami ANIRUDDHA el Germanio venis al Bombajo (nun Mumbajo) por disvastigi Esperanton. Lokaj homoj kiel s-ro H. B. AUDICH, d-ro HEGDE, s-ro C. GANGADHAR, kaj aliaj tutkore helpis lin kaj establis Esperantan klubon. La movado daŭris iomtempe.

En la fino de la 50-aj jaroj, jugoslava esperantisto, s-ro Maj Tibor SEKELI venis al Barato kaj Nepalo kun celo disvastigi Esperanton. Li havis bonan kontakton kun s-ro Karamĉand GANDHI kaj s-ro Vinobha BHAVE jam de longe. Sed la movado ne bone funkciis pro manko de entuziasmaj homoj.

En 1960 venis s-ino Madelin HEBEDIN (red. verŝajne Madelejne HAUDEBINE) de UEA por disvastigi Esperanton en Barato. Tiucele ŝi fondis la Baratan Esperantan Instituton en Nov-Delio en 1962. Ŝi verkis tre utilan Esperantan lernolibron "Utila manlibro por Hindujo". Oni povis facile lerni la lingvon helpe de tiu libro. Proksimume dek jarojn ŝi laboris senĉese, kaj precipe pro ŝia forta laboro la Esperanta movado komencis en Puneo, Vijayawada, kaj aliaj lokoj. Sed post ŝia foriro al Francio, la movado perdis ŝian forton kaj ĉesis funkcii.

S-ro Lakshmiswar SINHA fondis la Bengalan Esperanto-Instituon en Ŝantiniketan kun Abani Bhuŝan HALDAR en 1961. Kaj en 1966 Esperanto-Kongreso ankaŭ okazis en Barato.

En la 70-aj jaroj, d-ro A. N. ZUBOKOV, profesoro de lingvistiko el Moskva Universitato, venis al Lucknow, por profesii la rusan en la universitato de Lucknow. Li estis bona esperantisto, kiun precipe allogis la idealo de mond-frateco. Pro lia senĉesa peno fondiĝis la Lucknow Esperanto-Asocio, kaj la movado iom post iom akiris fortecon.

Printempe de 1989 venis la fama pola esperantisto, s-ro Joachim WERDIN, por disvastigi Esperanton en Barato. Grupoj de gejunuloj lernis Esperanton sub lia gvido en Kalkato, Bangaloro, Tirupatio kaj aliaj lokoj.

Ĉefe en la 80-aj jaroj, la Esperanto-movado en Barato akiris sian propran formon kaj statuton. En 1982 okazis la Unua Tutbarata Esperanto-Kongreso en Vijayawada, kie unuafoje kunsidis la esperantistoj de nia lando, kaj fondiĝis Federacio Esperanto de Barato, la centra organizo de la movado en Barato.

De tiam iom post iom fortiĝis la movado, kaj la FEB-filioj ekfunkciis en Kalkato, Puneo, Bangaloro, Lucknow kaj Vijayawada.

Tri jarojn poste, la dua Tutbarata Kongreso okazis en Kalkato, la ĉefurbo de la ŝtato Okcident-Bengalo, en 1985. La unua revuo el tiu nia ekiro ne estis brila, tamen ankaŭ ne

griza; ĝi estis bele kaj grandioze prezentita.

La tria Tutbarata Kongreso okazis en Lucknow, unu el la grandaj urboj nordbarataj. FEB-Lucknow gastigis la kongreson. La dua revuo de nia antaŭeniĝo ne estis vigliga, tamen esperiga, kaj intime organizita.

Okaze de la centjara jubileo de Esperanto en 1987, la kvaran Tutbaratan Kongreson gastigis refoje FEB-Kalkato grandskale.

Pasis kvin jaroj, kaj en 1992 FEB-Bangaloro gastigis la kvinan Tutbaratan Kongreson en la bela ĝarden-urbo, Bangaloro, en Sud-Barato. Ankaŭ tio estis granda afero. Esperantistoj de foraj anguloj de nia lando ariĝis tie multnombre.

Tri jarojn poste, en 1995, la sesa Tutbarata Kongreso okazis en Puneo, la granda historia urbo en Okcidenta Barato. FEB-Puneo gastigis la kongreson grandskale. Krom la landaj esperantistoj, ankaŭ kelkaj eksterlandaj esperantistoj aktive partoprenis la kongreson.

La sesa nacia kongreso estis aranĝita en la fama sudbarata religia urbo de Tirupatio, en oktobro 1998. Proksimume 35 delegitoj ĉeestis en la kongreso.

# 8. leteroj de legantoj

## 8.1 el Irano

1999-01-29

Mi, admirante KAEM-anojn pri favora akcepto de irana Esperanto-movado, deziras rimarkigi pri tro malfrua publikigo de miaj senditaj raportoj kun eraroj, kaj ankaŭ pro plimallongigo de la artikolo.

*Mojtaba Kheir-Khah/ 37, K. 135, 10 Metry Dowom, Javadien, 13657 Tehran, Irano*

*(red. Ni petas pardonon pro viaj rimarkigoj. Ĉio dependas pro niaj okupiteco kaj senatentemo. La plej grava estas eraro de adreso. La supra estas ĝusta. Aliaj rimarkigitaj eraroj estas tajperaroj kaj iaj ŝanĝoj de esprimoj pli taŭgaj laŭ nia juĝo. Do ĉi tie ni ne publikigas. Ni ne povas publikigi tutan tekston de senditaj artikoloj, ne nur de vi sed ankaŭ de multaj aliaj, por ke ni prezentu laŭeble multajn leterojn kaj artikolojn. Bv. kompreni nian situacion.)*

## 8.2 el Israelo

1998-12-01

Multfoje mi ja ricevis la bultenon "Esperanto en Azio" kaj nun finfine mi dankas pro tio. Fakte ĝi estas bonega memorigilo por mi ke fakte Israelo ja estas AZIA lando. Ĉar mi estas enmigrinto de nordeŭropa lando, la plimulto de miaj kontaktoj estas en nordokcidenta direkto kaj ankaŭ mi provas rilatiĝi kun la ĉirkaŭa regiono. Sed Azio - geografie ni ja estas parto kaj mia profesio estas (foje estis) geografo.

*Jeremi GISHRON/ Box 23180 IL-91231 Jerusalem, Israelo*

## 9. Deziras korespondi

1. s-ro Jamil PARVAZ/ H. No. 655, Mohallah: Pir Qazi Jalal inside Pak Gate, Multan, Pakistano

2. s-ro Muhammad Nasir RANA/ H.No. 491, Mohallah Gerian vala Nazd Hussaini Kucha outside Pak Gate, Multan, Pakistano

3. s-ro Amir HAMEED/ Istamraar Printer, outside Bohar Gate, Multan, Pakistano

4. s-ro ZHANG Xuesong deziras interŝanĝi librojn kun aziaj esperantistoj kaj ĝemeliĝi kun Esperanto-familioj/ Changtaiguan Dianguansuo, CN-464193 Xinyang, Henan, Ĉinio

5. f-ino DENG Junzheng (17-jara)/ Gong Lian Jie Er Duan Er Hao Wu zi zhi Ye Gao Ji zhong Xue CN-16300 Wa Fang Dian, Liaoning, Ĉinio

6. s-ro Klaus RIEMANN, kiu interesiĝas pri poŝtmarkoj, bildkartoj, lingvoj, libroj ktp., deziras korespondi precipe kun japanaj knabinoj/ Flurstr. 13, D-54570 Niederstadtfeld, Germanio

7. Stacio de junaj turistoj (14-16 jaraj)/ RU-652870, pr. Stroitelej 30, Meĵdureĉensk-11 Kemerovskaja obl., Rusio

## 10. Ricevitaj organoj

### 10.1 La nobla kurano "MER informas"

1999-05; 19x12.2cm, 8p.; eldonas Multana Esperanto-Rondo/ P.O.Kesto 26, PK-60000, Multan, Pakistano; retpoŝto <saluton@usa,net>, <winsome@brain.net.pk>

### 10.2 "Agadu"

n-ro 7 (Decembro 1998), n-ro 8 ( Januaro 1999), n-ro 9 (Februaro 1999), n-ro 10 (Marto 1999), n-ro 11 (Aprilo 1999); revueto de Aĝada Tago de Esperantistoj en Guangzhou, Ĉinio; A5, 8p. ;retpoŝto <agadu@esperanto.nu>

### 10.3 "Veterana Esperantisto"

n-ro 17 (Majo 1999), n-ro 18 (Junio 1999), n-ro 19 (Julio 1990), n-ro 20 (Aŭgusto 1999) ; B5 22p. ;eldonas Pekina Vetera Esperantista Asocio; redaktoro: s-ro WU Chang-Shen/ CN-410007, Xiao Linzichong 90, Changsha, Hunan, Ĉinio, tel.: +86-731-5537767

### 10.4 "Facila Esperanto"

n-ro 28 (1999-02), n-ro 29. 1999-03; A5 8p. ; eldonas Pakistana Esperanto-Asocio/ #405, Ginza Center, Blue Area, Islamabad, Pakistano; tel. kaj fakso: +92-51-814329)

### 10.5 "JEBULO"

n-ro 20, Novjaro 1999; Jerusalema Bulteno; A4 12p. ; s-ro Jeremi GISHRON/ P.O.K. 23180, IL-91231 Jerusalem, Israelo

### 10.6 "Penseo"

n-ro 87 (januaro 1999), n-ro 88 (februaro 1999); n-ro 91 (majo 1999); monata beletra revueto en Esperanto; B5, 4p.; ĉefredaktoro: s-ro SHI Chengtai; eldonas Donghu-a Esperanto-Domo:ĉe s-ro PENG Zhengming/ Fujiapo. Meiyuan Xiaoqu 301-3-2, Hubei, CN-430070 Wuhan, Ĉinio

### 10.7 "Fenestro"

(Januaro 1999); Revueto de la Federacio Esperanto de Barato ; A4 4p. ; Redaktoroj: P V RANGANAYAKULU kaj Giridhar RAO; adreso de la redakcio: 103 Prithvi Apartments, 1-1-214/2, Chikkadpalli, Hyderabad, IN-500 020 Barato (Hinda Unio). tel.: +91-040-7620307. retpoŝto: <a.giridhar@cgiar.org.>

### 10.8 "Tajvana Esperantisto"

n-ro 1, Marto 1999; Trimonata Bulteno de Tajvana Esperanto-Asocio; A4 7p.; kontakto-adreso vidu sur p. 9

## 11. Korekto

n-ro 31, p. 19, linio 14

ĝusta estas jene: Meĵdureĉenska Esperanto-Klubo/ RU-652870 Meĵdureĉensk-centr.a/ja 60, Kemerovskaja obl., Rusio

## 12. Kontribuoj

Ni ricevis de jenaj 31 personoj sume 79,530 japanajn enojn (¥):

10,000¥ LIN Takemi. 6,000¥ TAKAHASI Hirosi. 4,600¥ TAMURA Mohei. 4,000¥ KAI Kôiti, SATOO Ŝooiĉi, YAMAMOTO Sintarô. 3,000¥ OSIOKA Moritaka. 2,000¥ AIDA Yayoi, Esperanto-Ligo de Ŝikoku, HATAYAMA Nisaburô, HUZIMAKI Ken'iti, IMAZU Tôiti, ITABASI Tutomu, KARIBE Riiti, KOGA Sirô, KOSAKA Kiyoyuki, KOYAMA Takesi, Hilco MIEDEMA, MITUKAWA Sumiko, Miyazaki Esperanto-Societo, NISIO Tutomu, OOSAKI Yaeko, OOZATO Yosizumi, SAITÔ Tomoko, SATÔ Eizi, Anna STEFAS, SUZUKI Takao, TUTIYA Kanzi. 1,300¥ Sevdiye KATIRCIOGLU. 500¥ HORIUTI Hidesi. 130¥ DANG Tran Thiet.

Koran dankon!

## • Parolas redaktantoj

Baldaŭ okazos la 2a Azia Kongreso en Hanojo. Kun kiom el vi ni povos renkontiĝi? La venonta numero estos speciala por raporto de la kongreso. Sendu al ni raporton de la agado en via loko. Viaj kontribuoj ne nur per mono sed ankaŭ per diversaj artikoloj pliriĉigos nian bultenon. Antaŭdankon! (1999-08-08 d.h. kaj ĉ.)